# Etnismo

N-RO 5 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 10. 12. 1973


## Fr. LUIS VILLASANTE : NECESAS MALFERMIĜO DE LA MENSOJ

### Intervjuo kun la prezidanto de la Akademio por la Eŭskera Lingvo

Post kiam ETNISMO estas prezentinta jam resumojn de interparoloj kun gvidanto de la Instituto pri Katalunaj Studoj (n-ro 2), kun kompetentulo de la luksemburgia Grand-Duka Instituto (n-ro 3) kaj kun direktoro de la Frisa Akademio (n-ro 4), jen ni daŭrigas la serion per aŭtentikaj informoj pri la situacio de la eŭskera lingvo, surbaze de intervjuo farita de la eldonanto de ETNISMO kun la prezidanto de la Akademio por la Eŭskera Lingvo (Euskaltzaindia), Luis Villasante, la 21-an de septembro 1973 en la monaĥejo de Aránzazu.

1) KIOM DA MEMBROJ HAVAS LA AKADEMIO?

La Akademio por la Eŭskera Lingvo fondiĝis en la jaro 1918, okaze de kongreso de eŭskeraj studoj (kiun ĉeestis la hispana reĝo Alfonso XIII instigante, eksplicite, la vaskojn konservadi la eŭskeran lingvon), en la iama universitato de Onjato. La kvar vaskaj provincoj Alavo, Biskajo, Gipusko kaj Navaro promesis subtenadon al la nova institucio. Tiutempe la Akademio havis 12 ordinarajn, t. e. voĉdonrajtajn, membrojn; nun ekzistas 24 ordinaraj membroj, krome aro da korespondaj, t. e. nevoĉdonrajtaj, kaj kelkaj honoraj membroj. Ekzemple, la fama eŭskerologo Hugo Schuchardt estis honora membro, kaj dum 1973 fariĝis honoraj membroj Antonio Tovar (profesoro en la universitato de Tübingen), Karl Bouda (esplorinto de eŭsker-kaŭkazaj interrilatoj, Erlangen) kaj Norbert Tauer (Prago).

Ordinaraj membroj estas ankaŭ personoj kun nehispana civitaneco, ekzemple francoj.

2) ĈU ĈIUJ AKADEMIANOJ ESTAS UNIVERSITATAJ PROFESOROJ?

Ne; tamen inter la junaj ekzistas pluraj kiuj studis kaj parte instruas en universitatoj, eĉ lingvistikon. En antaŭaj tempoj tute mankis tiaj homoj inter la eŭskeroj, krome eĉ mankis altnivela, scienca materialo. Unu el la fondintoj de la Akademio, Julio de Urquijo, kreis tian materialon per la RIEV (Internacia Revuo de Eŭskeraj Studoj).

3) KIEL ONI FARIĜAS MEMBRO DE LA AKADEMIO?

Se vakas seĝo, pluraj Akademianoj kune kandidatigas personon, kiu elstare laboras por la eŭskera lingvo. Se ekzistas pluraj kandidatoj, la Akademianoj voĉdonas.

4) KIUJ ESTAS LA PLEJ GRAVAJ HODIAŬAJ AKADEMIAJ LABOROJ?

La Akademio aktivas en du direktoj: protektado de la eŭskera (popularigo, ekzamenoj, konkursoj, subtenado al "ikastolak") [kaj] pristudado de la lingvo (evoluigo de komuna

literatura lingvo, aktualigo de la vortotrezoro, lingvistiko/filologio). Akademiaj komisionoj laboras por adapto de la iama fiŝista kaj kamparana lingvo al la bezonoj de la hodiaŭa vivo: Kiel eŭskere esprimi "fervojo"? Ĉu purisme per "burdinbide", kiu estas kompleta traduko de ambaŭ elementoj? Ĉu duon-kastilie per "trenbide"? Ĉu tute france per "txemendepera" aŭ tute kastilie "perokarilla"?

5) ĈU LA NUNA AKADEMIO ESTAS PURISMA?

En la 18-a jarcento, la vaska jesuito Larramendi, profesoro en Salamanko, aŭtoro de la unua gramatiko pri la eŭskera, orgojla pri sia gepatra lingvo, disputema, verkis trilingvan vortaron. Ĵus la Reĝa Hispana Akademio estis publikiginta sian grandan kastilian vortaron, kiam Larramendi volis demonstri, precipe al Madrido, ke la eŭskera estas kultura, kompleta lingvo, kaj li simple metis eŭskerajn vortojn apud la kastiliajn de la akademia vortaro, ne hezitante inventadi amasegon da novaĵoj por nocioj ne esprimeblaj per la ekzistanta eŭskera vortotrezoro. Tia purisma tendenco pluekzistis en la 19-a jarcento: Oni ne agnoskis la eŭskerecon de vorto iel similanta ekvivalenton en la kastilia, franca aŭ latina; konsekvence oni kreadis novajn vortojn, el kiuj kelkaj estis trafaj, aliaj fuŝaj. Evidente, tia sinteno elvokis kontraŭstaron, kaj niatempe ofte troveblas la alia ekstremo. - En la Akademio kunekzistas homoj de diversaj starpunktoj, tiel ke la Akademio nur tre prudente procedi povas. Ekzemple, en 1959, ĝi deklaris ke estas konsiderendaj eŭskeraj tiuj elementoj, kiuj enradikiĝis en la lando. Vortoj kiel "kondaira" (t. e. "historio", kreitaĵo de Larramendi) kaj "idazti" (t. e. "libro", poste naskita) certagrade penetris la lingvouzon kontraŭ la pli malnovaj "kontatu" kaj "liburu", kiuj evidente estas ambaŭ ne praeŭskeraj, sed latinidaj.

6) KIAJ RILATOJ EKZISTAS INTER, UNUFLANKE, LA AKADEMIO KAJ, ALIFLANKE, SCIENCAJ KAJ ŜTATAJ INSTITUCIOJ DE HISPANIO?

Kiel menciite, origine la kvar vaskaj provincoj nutris kaj protektis la Akademion. Intertempe, okazis diversaj ŝanĝoj, kaj tiuj provincoj, t. e. ties Deputitaroj, ne plu havas la samajn kompetentecojn kiel iam. La Akademio estas klopodanta, intertraktante kun instancoj en Madrido por aktualigi la situacion. Certe, ni ofte ricevas kaj respondas demandojn pri la eŭskera lingvo, do, fakte ni ja ekzistas.

7) KIU PAGAS LA AKTIVECOJN DE LA AKADEMIO?

La kvar menciitaj provincaj Deputitaroj ja pagas certajn subvenciojn, kiuj tamen neniel sufiĉas, ĉefe pro la senvalorigo de la mono. Ni devas pagi la lukotizon por nia oficejo en Bilbao kaj la salajrojn de oficistoj kaj la bultenon kiun ni publikigas. Ni altiros diversajn firmaojn kaj unuopulojn por ke ili donacu monon al la Akademio. Ni havas filiojn en Vitorio, Sansebastiano (cetere, niaj ĉiumonataj kunsidoj okazas preskaŭ ekskluzive en la Deputitarejo de tiu ĉi urbo) kaj en Bajono, kaj ni esperas ke la franca registaro donos ian subvencion por la tiea filio.

8) EN KIOM DA ŜTATAJ LERNEJOJ OKAZAS, SURBAZE DE LA NOVA EDUKLEĜO, EŬSKERAJ KURSOJ?

Ŝajnas ke surbaze de tiu leĝo ĝis nun nenio ŝanĝiĝis en la praktiko.

9) KIOM DA "IKASTOLAK" (t. e. per-eŭskeraj lernejoj) EKZISTAS?

Konkretan nombron mi ne scias indiki, sed tiu privata movado - iom modece - floras, kaj ekzistas "ikastolak" eĉ en navaraj urboj kiel Pamplona, Tudela, Tafalla, Estella kaj aliaj. Lastatempe, la ŝtato eĉ subvenciis tiujn lernejojn en Gipusko. "Ikastolak" okupiĝas precipe pri infanoj en antaŭklasoj, sed ankaŭ pri pli aĝaj, kaj en Sansebastiano ekzistas gimnazio kiu proponas eŭskerajn kursojn ĝis la abiturienta ekzameno. Jen kaj jen eĉ oni faras ekzemple fizikajn testojn en la eŭskera.

10) ĈU EKZISTAS PROJEKTO PRI EŬSKERLINGVA ĴURNALO?

Sub la aŭtonoma respubliko, dum kelkaj malmultaj monatoj, ekzistis eŭskera ĵurnalo, "Eguna". Nun ne videblas tiudirekta projekto, kontraŭe al la planoj en Katalunio. Nur aperadas semajnaj, dusemajnaj kaj monataj gazetoj ktp.

11) KIEL SINTENAS - [RILATE] LA EŬSKERAN LINGVON - LA ENMIGRINTOJ?

La lingvon lernas ne multegaj, sed tamen pluraj en la kampanjoj de "alfaberigo". Tiuj enmigrintoj ja deziras integriĝi en la novan ĉirkaŭon. Ili ne estas la plej malbonaj ...

12) KIOM DA PERSONOJ PAROLAS LA EŬSKERAN?

Ne ekzistas fidindaj statistikoj. La Akademio ja komisiis certan entreprenon pri enketo, sed ne jam disponeblas rezultoj. Mi taksas, ke sume temas pri io kiel 600.000 personoj.

13) KIEL STATAS LA PREPAROJ POR LA "SIMPOZIO PRI LA HISPANIAJ LINGVOJ"?

La ideo pri tia simpozio konkretiĝis okaze de la 50-jariĝo de la Akademio, en 1968, kiam delegitoj el Katalunio kaj Galegio vizitis la Akademion. Komence de aprilo 1971 okazis en Pamplono preparkunveno, sed nun la afero ŝajnas iom ŝovita en angulon. La celo de tiu simpozio estis krei favoran klimaton por traktado de la problemaro de la rilatoj inter la kvar lingvoj de Hispanio. Necesas malfermiĝo de la mensoj por tiu ĉi problemo de humaneco kaj justeco. Hodiaŭ dialogo ofte malfacilas, ĉar fantaziuloj, ekstremistoj troviĝas en ĉiuj kampoj. Necesas konsciigi la homojn pri la legitimeco de kiu ajn lingvano celanta al konservado kaj protektado de la koncernata lingvo: kio tute ne ofendas. Ne lasi lingvon eniri lernejon signifas mortigi ĝin, ĉar ĝi ne havas viveblon. Iom kulpas en tio ĉi la koncepto de centrisma ŝtato: "Unu sola lingvo por la patrujo!" Ne, povas pluekzisti la komuna patrujo, dum la diversaj etnoj konservas siajn proprajn kulturojn; en la kazo de Hispanio, ilin interligu la kastilia lingvo. Se oni fermas la pordojn antaŭ aliaj homoj, tio kaŭzas venĝemon kaj kreas separatismon.

-----------------------------------

La adreso de la Akademio por la Eŭskera Lingvo estas:

Euskaltzaindia / Academia de la Lengua Vasca, Ribera, 6,

BILBAO 5 (Vizcaya), Hispanio

# MADRIDA PROTOKOLO

Kiel ni raportis en ETNISMO 4, p. 9 kaj 10, la hispana ministerio pri eksterlandaj aferoj ne pretis skribe doni detalojn pri la kondamno de katalunaj intelektuloj je altaj monpunoj kaj sugestis interparolon en Madrido. Eventuale kontraŭ supozo de la ministerio, mi kaptis tiun "inviton", kaj en la antaŭtagmezo de vendredo, 13-a de julio 1973, okazis tiu interparolo en la menciita ministerio. Dum pli ol unu horo mi diskutis kun Sergio Pérez-Espejo [SPE], ambasada sekretario kaj skribinto de la netajpita letero de 14. 05. 1973. Ĉar li studis en FRG kaj bonege parolas la germanan, la diskuto povis efektiviĝi en la germana, kio evidente grave plifaciligis mian taskon. Mian peton permesi sonbendan registradon li, laŭ ordono de sia ĉefo, malakceptis. La ĉi-sekva protokolo baziĝas sur miaj notoj faritaj post la interparolo.

SPE: Jes ja, Hispanio estas aŭtoritatisma ŝtato; espereble iam pli bone ol nun funkcios nia t. n. organa demokratio. - Nu, el jura vidpunkto ĉio estas aranĝebla, gravas la interpretado. La punoj kontraŭ la katalunoj baziĝas sur la leĝo pri publika ordo de 1959 respektive 1961, laŭ kiu ĉiu ago ĝenanta la internan ordon estas punebla, eĉ se ĝi estas farita en eksterlando kaj havas influon sur la internon. En tiu ĉi konkreta kazo, tamen, ŝajnas ke tia influo eĉ ne estas konstatebla, sed la puno estas donita pro la eventualeco de influo, do temas pri riskokaŭza puno. Cetere, Macià kaj Companys [prezidintoj de la aŭtonoma kataluna respubliko] estas konsiderataj kiel simboloj de separatismo, kaj la nuna reĝimo konsideras la Duan Respublikon kontraŭleĝa, ĉar ĝi ekfunkciis pro balotmanipulaĵoj ktp.

UJM: Sed evidente la nuna reĝimo ekzistas absolute nur pro la militista puĉo de 1936.

SPE: Jes, sed internacijure eĉ puĉo kreas faktojn.

UJM: Sed ĉi tie temas pri ŝtatjura problemo, ne pri internacijura.

SPE: Nu, estas tre dubinde, precipe el la vidpunkto de nia ministerio, ĉu la donitaj punoj estas adekvataj, ĉar fakte ili malhelpas la eksterlandan politikon de Hispanio.

UJM: Tiurilate ankaŭ kaŭzas malfavoregan impreson la policistoj, kiujn oni vidas tra la tuta vaska regiono kun kradfenestraj veturiloj, ekzemple okaze de la strikoj en Pamplono, kaj mitraletoj kaj aliaj aŭtomataj pafiloj.

SPE: Sed vi ne vidos ilin en Madrido.

UJM: Tamen sur la kataluniaj aŭtoŝoseoj.

SPE: Konsentite, en Vaskio ekzistas, ne jure sed fakte, konstanta sieĝostato. Cetere, konsideru ke ekzistas koncerne policistojn diferencoj: brita "Bobby" ne estas armita, germana policisto en FRG ja portas pistolon kaj en GDR pafilon.

UJM: Ĉu estas videblaj tendencoj cele al demokratia reĝimo?

SPE: La nova registaro sub ĉefministro Carrero Blanco signifas nete dekstren-gliton.

Devos veni aliaj tempoj kun la novaj generacioj. Tamen, ankaŭ tiu ĉi reĝimo atingis grandan ekonomian pliboniĝon.Tubisto, ekzemple, normale laborante gajnas ĉiumonate la ekvivalenton de 1.500,-- gm. Vidu kiel sin vestas la homoj ĉi tie; tiel ili en Hungario ne povas fari.

UJM: Tiujn viajn indikojn pri salajroj mi forte pridubas, ĉar laŭ statistiko oficiala [Instituto Nacional de Estadística] pri la jaroj 1964/65 nur 2 procentoj de la hispanaj familioj ĉiumonate enspezis pli ol 1.350,-- gm, dum 87 procentoj enspezis malpli ol 675,-- gm [La resto ricevis intersumojn.] - Sed ni eble revenu al nia origina temo. Kvankam mi jam aŭdis de hispanoj la riproĉon ke mi ne metu mian nazon en fremdan vazon, tamen: Kial la reĝimo ne lasas kulturan liberecon al la etnaj malplimultoj de Hispanio?

SPE: Jam okazis io, ni diru: la minimuma liberaligo. Multnombriĝis libroj en la kataluna lingvo. Kaj, cetere, estas tute prave kion vi faras, ĉar ni devas okupi nin pri ĉiuj landoj.

UJM: Sed kial tiom da ili devas aperi en eksterlando aŭ, en Hispanio, cenzuritaj? Kial ne ekzistas ĵurnaloj en la kataluna lingvo?

En tiu ĉi momento SPE turnas sin al sia kunlaboranto, kiu estis enirinta la ĉambron iom antaŭe.

SPE: Diru, Eugenio, vi estas kataluno, ĉu ne aperas ĵurnaloj en la kataluna?

Eugenio, kies familiaj nomoj ne estas konataj al mi, prezentas sin al mi kaj surprizetiĝas ke mi respondas al li katalune.

Eugenio: Estas tiel: Se vi donas al kataluno libron skribitan en la kataluna, li ne volas ĝin, ĉar li ne lernis la katalunan lingvon en lernejo.

UJM: Bone, tio nenion signifas, ĉar vi mem ne ŝatus kastilian libron, se vi ne lernintus la kastilian lerneje, ĉu?

Eugenio: Ĝuste. Jes, estas vero ke ne ekzistas katalunlingvaj ĵurnaloj, eble interesas vin ke okazas nun eksperimentoj pri dulingva instruado en kelkaj lernejoj, ekzemple en Seo de Urgel. - Krome, mi persone estas <u>por</u> kultura aŭtonomio de la koncernataj regionoj, kio havas nenian rilaton kun la politika memstariĝo, kiun celas nur tre malgrandega parto de la katalunoj. Oni scias ankaŭ en Katalunio ke la katalunoj ĉiam bezonis kaj ĉiam bezonos tutan Hispanion kiel merkatejon. - Vi antaŭe demandis pri la ebloj de ŝanĝoj en la hispana politiko: Vidu nin; kvankam ni ne sidas ĉe la ŝaltiloj de la potenco, ni komprenas nin kiel eron de la antaŭeniranta nova generacio, kaj ni ne akceptas ĉion de la nuna reĝimo, kaj por vi ni ne pentras belajn bildojn.

Dum Eugenio partoprenas la diskutadon, ni parolas kastilie. La interparolo finiĝas per kelkaj afablaĵoj .....

Ĉu valoris tien iri? Jes, ĉar mi aŭdis oficialvoĉe kelkajn ne tro flatajn konstatojn pri la hispana reĝimo; ne, ĉar angilece unu ministerio fuĝas el sia responseco, kiun oni ŝovas al alia. Ĉu, tamen, tia interveno eventuale montris ke oni atentas?

Uwe Joachim Moritz

# E R O J .....

BUDAPEŜTO. Laŭ informo de "Nordwest-Zeitung" (Oldenburgo, FRG) de 11.10. 1973, en Hungario vivas nuntempe proksimume 220.000 germanlingvuloj, el kiuj apenaŭ iu deziras reiri en la hejmregionon de siaj prapatroj. La "Demokrata Unuiĝo de la Germanoj en Hungario" dediĉas sin precipe al konservado de la lingvo kaj tradiciaĵoj. En radio Pécs troviĝas ĉiutaga duonhora programo en la germana, la "Neue Zeitung" estas germanlingva semajngazeto kun 6.000 ekzempleroj. En diversaj lokoj ekzistas germanaj lernejoj diversgradaj; 39 germanaj infanvartejoj kontribuas al la flegado de la lingvo. Tamen, konstateblas ke pli kaj pli da germandevenaj personoj deklaras ke la hungara lingvo estas ilia denaska lingvo.

ONJATO. Jam la duan fojon okazis en la iama universitato de Onjato (Gipusko) someraj universitataj kursoj, ĉi-somere en du subsesioj, de la 9-a ĝis 25[-a] de julio kaj 1-a ĝis 15-a de aŭgusto 1973. La studdirektoj estis juro, ĵurnalismo, filozofio, historio, lingvistiko, arto. Lekciis 9 kompetentuloj, plejparte universitataj instruistoj. Partoprenis nur 20 studentoj (unua subsesio), el kiuj pluraj ĉeestis precipe por pliintimiĝi kun la eŭskera. Ĉiuj estis hispanaj civitanoj. La kursaro estis aŭspiciata de la Akademio por la Eŭskera Lingvo, de la universitato de Deŭsto kaj de la Reĝa Societo Vaskia de la amikoj de la Lando.

ZAGREBO / LONDONO. Laŭ "Die Welt" (Hamburgo) de 14.03.1973, en Londono aperis la libro "Hrvatski Pravopis" (Kroata Ortografio), ĉar ĝi estis malpermesita en Jugoslavio. La artikolo sub la titolo "Politika Ortografio" skizas la okazintaĵojn: Jam presita kaj bindita, la libro estis detruita en decembro 1971, tuj post la ekrulo de la kampanjo kontraŭ la t. n. kroataj naciistoj. La centra registaro riproĉis al la aŭtoroj kaj lingvistoj Babić, Finka kaj Mogus kaj al la fama eldonejo "Skolska Knjiga" same kiel al ĉiuj kunlaborintaj asocioj kaj institucioj .... "naciismon". La libro, tamen, enhavis nenion alian ol la teorian bazon por tio kion oni feliĉe jam de pluraj jaroj praktikadis: la samrajtecon de la pura kroata lingvo en ĉiuj oficialaj okazoj. Unu ekzempleron de la libro oni savis kaj fotorepresis ĝin en Londono.

BARCELONO. La 28-an de oktobro 1973 la polico arestis en preĝejo de Barcelono 113 personojn, kiuj estas nun akuzitaj pro membreco en la "Demokrata Agado de Katalunio" kaj pro partopreno en malpermesita kunveno, kies celo estis laŭdire la preparo de Asembleo de Katalunio kaj semado de malharmonio inter la hispanoj. Inter la arestitoj troviĝas ankaŭ Jordi Carbonell, kiu jam antaŭ tri jaroj ĉagrenis la policon volante paroli nur katalune. 50 arestitoj estas jam punitaj je pago de sume duona miliono da gm. - Responde al tiuj okazintaĵoj proksimume 10.000 laboristoj, profesoroj, advokatoj, arkitektoj kaj inĝenieroj deklaris sin solidaraj kun la malpermesita kunveno kaj kun la arestitoj. La fama pentristo Joan Miró promesis vendi 100 litografaĵojn por subteni la punitojn. (Laŭ "Frankfurter Allgemeine Zeitung", Frankfurto, 09. 11. 1973)

AMSTERDAMO. La Komisiono por Eksteraj Rilatoj de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo okazigos, subvencie de la Eŭropa Junulara Fonduso, de la 27-a de decembro 1973 ĝis la 3-a de januaro 1974 seminarion pri "Estonto de la Eŭropaj Lingvoj kaj Kulturoj". Prelegos i. a. profesoroj Guy Héraud kaj Jan Knappert. Informas: KER, Binnenkant 46, Amsterdam, Nederlando.

Informoj el

# B E L G I O

Surbaze de la nova konstitucio de Belgio de 1970, la Flandra Kultura Konsilantaro akceptis, la 19-an de junio 1973, dekreton (= leĝon) pri la ekskluziva uzado de la nederlanda lingvo fare de firmaoj kaj ties kunlaborantoj en Flandrio. La dekreto fiksas punojn de malliberigo kaj monpagoj kontraŭ malatentantoj pri tiu ĉi novaĵo.

Estas necese konscii ke en Flandrio, kie jam delonge la ŝtataj kaj komunumaj servoj uzadas la nederlandan lingvon, ankoraŭ troviĝas aro da firmaoj utiligantaj la francan lingvon kiel komunikilon inter la estroj kaj laboristoj kaj inter la firmao kaj eksteraj kontaktatoj. Kiel la Flandra Kultura Konsilantaro imagas transsalti abrupte de unu al alia lingvo? Ŝajnas ke en tiu ĉi punkto la flandraj ekstremistoj verve imitas ĉiujn lingvo-imperiistojn, ekzemple la iamajn franclingvajn sudbelgojn. Dum en antaŭaj epokoj la nederlanda lingvo respektive ties flandraj dialektoj estis primokataj, malpermesitaj kaj, simple, malrespektataj, la nuna malfrua venĝo principo-fidele celas komplete malaperigi la francan lingvon el la publika vivo. Se, unuflanke, estas evidente kaj nature ke la firmaoj en Flandrio uzu la lingvon de la koncernata regiono, aliaflanke, estas ne akcepteble rekte malpermesi kiun ajn lingvon.

El la 9,7 milionoj da belgaj civitanoj, proksimume 56 % loĝas en la nederlanda, 32 % en la franca, 1 % en la germana kaj resto en la dulingva (nederlanda/franca) regionoj.

(Fonto: "Europäische Gemeinschaft" 11/1973, Bruselo, p. 20)

Lundon, la 19-an de novembro 1973, unuan fojon kunsidis en la orientbelga urbeto Eupen la Germana Kultura Konsilantaro. Tiu ĉi institucio estis kreita pli malfrue ol la paralelaĵoj en Valonio kaj Flandrio, interalie ĉar la konstitucio strange diferencigis terminologie.

La Germana Kultura Konsilantaro konsistas el 25 membroj, el kiuj 3 apartenas al la Partio de la Germanlingvaj Belgoj (PGB) kaj la aliaj al la Kristan-Sociala Partio, la Partio por Libereco kaj Progreso kaj la Socialista Partio de Belgio. La prezidanto de la Konsilantaro estas Johann Weyand (KSP).

En la sola germanlingva ĵurnalo de Belgio, "Grenz-Echo", abundas diskuteroj pri la situacio de tiu ĉi regiono el lingva kaj ekonomia vidpunktoj. La aktivistoj de PGB riproĉas al la aliaj partioj, ke tiuj ĉi perfidas la germanlingvulojn favore al la franclingvaj valonoj. Laŭ PGB, plian fojon evidentiĝis tiu perfido okaze de la modifoj en la belga registaro: Malaperis la speciala ŝtatsekretario pri la orientaj kantonoj, Schyns (membro de KSP), kaj la kompetentecon transprenis valono, ministro Hanin.

La lingva situacio de la orientbelgoj estas aparte tikla, ĉar - kontraŭe al la nederlanda kaj franca regionoj - tute ne ekzistas kantono aŭ komunumo komplete germanlingva, sed ĉie temas pri kunvivado de german- kaj franclingvanoj.

(Fonto: diversaj numeroj de "Grenz-Echo", Eupen)

TAMEN: Kiel kontentaj estus la minoritatoj en diversaj aliaj ŝtatoj, se ili ĝuus similajn aŭtonomec-rajtojn kiel la flandroj, valonoj kaj germanlingvanoj en Belgio?!

# LA POZICIO DE LA KIMRA LINGVO HODIAŬ - CIFEROJ

La rezultoj de la 1971-popolnombrado rilate al parolantoj de la kimra lingvo en Kimrio eldoniĝis en oktobro 1973. Montriĝis daŭra nombra malsupren-tendenco. Falegis la nombro de kimralingvanoj de 656.000 (1961) al 542.000 (1971), t. e. malkresko je 17 %. La raporto (Annual Digest of Welsh Statistics, Caerydd/Cardiff, 1973) montras ke la kimralingvanoj nun nombras nur 20,8 % de la tuta enloĝantaro (2.700.000) kompare kun 26 % en 1961, sed paradokse tiuj homoj pli ol 3-jaraj kiuj parolas nur la kimran plimultiĝis de 26.000 (1961) al 32.000 (1971). En 1961 1 procento parolis sole la kimran; dek jarojn poste la nombro estis 1,3 %.

Meirionydd (Merioneth) estris la liston laŭ la procentaĵo de parolantoj de la kimra, kaj unu- kaj dulingvaj. En 1961 Meirionydd havis 75,9 % de sia loĝantaro kiuj kapablis ambaŭ lingvojn; en 1971 estis nur 73,5 %. En 1961 5,5 % kapablis paroli nur la kimran en tiu regiono, kaj nun temas pri 7,8 % da unulingvanoj. La esperiga kresko de la nur-kimra-lingvanoj ŝajne spegulas la klopodojn de kelkaj gepatroj fari siajn infanojn dulingvaj sendante ilin al lernejoj kie oni instruas per la kimra.

La apero de tiuj nombroj donis impulson al TEJO kontakti kimrajn junularajn organizojn por atentigi ilin pri tio ke la Internacia Lingvo utilas kiel efika rimedo de protektado por la malpli grandaj lingvoj kaj kulturoj kontraŭ tiukampaj hegemoniismaj atencoj.

HC

Red. Meic Stephens: **THE WELSH LANGAGE TODAY**
Gomer Press, 1973, 3,25 anglaj pundoj.

Recenzas Hilary Chapman

Ĝis la pasintaj jaroj oni ne povis diskuti la estontecon kaj pozicion de la kimra lingvo sen aŭdi iun entreni la Irlandan Respublikon cele al (kutime erara) komparo. Nuntempe Nordirlando (Ulstro) emas entrudiĝi. Tiu ŝanĝiĝo indikas ke la lingvo fariĝis grava politika demando, kies eksplodeman potencialon oni agnoskas.

Pli kaj pli oni bezonas informadon kaj flegman eksplikadon anstataŭ nuraj asertoj, racion anstataŭ antaŭjuĝoj. Se oni nur povus kredi ke ĝi atingos amasan legantaron, la ĉi tie priparolata libro, eldonita pasintan julion, plenumos valoran rolon. Ĝi skizas la lokon de la kimra en religio, edukado, dissendoj, ŝtata administrado, juro kaj politiko. Krome prezentiĝas la historio de la lingvo kaj de la movadoj kiuj subtenas ĝin.

La unua eseo estas de Glanville Price, universitata profesoro en Aberystwyth, kaj ekzamenas la staton de la kimra apud tiu de dektri etnaj lingvoj en okcidenta Eŭropo. Krome li priskribas la kunekzistadon de "grandaj" lingvoj en Svislando.

Tia komparo aŭ kontrastigo antaŭevitas la uzon de la etikedo "ekstremisto" - etikedo ofte uzata kiam iu ne volas serioze diskuti. Ekzemple, en sia eseo pri la lingvo en administrado, Ioan Bowen Rees proponas, ke kelkaj lokaj aŭtoritatoj "konsideru laŭŝtupan enkondukon de la kimra anstataŭ aŭ paralele kun la angla en la interna administrado de kelkaj iliaj sekcioj."

Unuavide tiu sugesto povus ŝajni ridinda, sed ridetoj forfuĝas kiam oni legas ke tio estas jam decidita fare de 439 kanadaj departementoj, ĉefe en Kebeko kaj Otavo. En ĉi-tiuj departementoj la franca iom post iom anstataŭos la anglan kiel oficialan lingvon.

La elirpunkto de ĉiuj aŭtoroj en ĉi tiu libro estas ke la lingvo kaj la valoroj kiujn ĝi enkorpigas, meritas la savadon, ne nur por kimroj, sed kiel ingredienco en monda kulturo. Tiun sintenon akceptis la plimulto de la kimroj hodiaŭ, ĉu ili parolas la lingvon aŭ ne. (Sesmil plenkreskuloj lernis la kimran en vesperklasoj por komencantoj dum la lernojaro 1972/73.)

Jen ne la unua libro eldonita lastatempe kiu akcentas la intelektan bazon por la iom ŝokaj agadoj de junaj kampanjantoj por la kimra. Ĝis nun ni ne vidis eldonitaĵon pri la kontraŭa vidpunkto.

La respondo eble estas ke ĉiuj favoras la savadon de la lingvo. Sed tio ne sufiĉas. La vera diferenco inter la Kimralingva Societo (Cymdeithas yr Iaith Gymraeg) kaj multaj ties kontraŭuloj estas simple ke la Societo jam difinis kion signifas la savado de la lingvo kaj ties konsekvencojn. Ĝiaj kontraŭuloj, speciale la registaro, ankoraŭ ne faris tion. Kompreneble, ĉiuj rajtas malkonsenti kun la konkludoj de la Societo, sed tiukaze oni devas samprecize prezenti la alian tezon. Alie, la Societo rajtas fari du akuzojn: Unue, ke la rolo antaŭvidita por la lingvo fare de ĝiaj kontraŭuloj estas tro limigita por garantii la travivon de la lingvo, aŭ, due, ke kvankam la fina celo estas konsentita, la ŝajne necesaj paŝoj estas evitataj.

Ĝuste jen la daŭre donata argumento pri la loko de la kimra ĉe televido - argumento evitita per la oficiala akcepto de "egala valideco" prefere ol dulingveco en 1967. Sen klara gvido flanke de la registaro, kiu en niaj tagoj de ŝtata intervenado devas grandparte porti la ŝarĝon nutri la lingvon, la malgaja prognozo estas batalo, en kiu unu flanko decidos sian sintenon nur laŭokaze, fronte al ĉiu aparta manifesto en la porlingva lukto.

Ĉi tiu libro estas valora aldono al la politika literaturo de moderna Kimrio. Ĉu oni akceptas aŭ malkonsentas multajn el la vidpunktoj tie esprimitaj, ĝi almenaŭ meritas respondon.

+++++++++++++++++++++

## "F L A G - I N C I D E N T O"

La legantoj de ETNISMO memoras eventuale la informon el n-ro 2 koncerne la vaskan flageton sur germana aŭtomobil-fenestro. La afero havis sian duan ĉapitron ĉi-somere: La sama aŭtomobilo, proks. du kilometrojn interne de Hispanio, vid-al-vide de la franca Hendajo, falis en polican kontrolon. La trupestro asertis ke la flageto estas signo de E.T.A. kaj volis ĝin forigi. La aŭtisto protestis, sed devis ĝin finfine mem forpreni kaj disŝiri. La aŭto estis - preskaŭ - komplete traserĉita. Skriba protesto ĉe la civila provincestro ĝis nun restis senefa ..... Unu el la policistoj, cetere armitaj per mitraletoj, senpripense diris veron: "Vi aĉetis tion en Francio? Ho jes, Francio estas respubliko, sed vi estas nun en Hispanio ..."

William McCallum:

# PRI LA GAELA LINGVO EN SKOTLANDO

De la 18-a jarcento oni penas forigi de Skotlando la gaelan lingvon. Pro diversaj kialoj, registaroj, edukistoj kaj ekleziistoj ĝin kontraŭstaris kaj malhelpis ĝian uzadon. Ekonomiaj faktoroj estas aparte gravaj en la malfortigado de la pozicio de la lingvo, ĉar nur la suda, angle parolanta parto de Skotlando industriiĝis. La gaelparolantoj devis forlasi siajn hejmojn kaj tien iri por serĉi laboron. Kompreneble, iliaj infanoj ne lernis la lingvon. Tiel granda estis la elmigrado ke norda Skotlando preskaŭ tute senpopoliĝis. Kvankam nur antaŭ 70 jaroj la gaela estis la ĉiutaga lingvo de duono de la teritorio de Skotlando, nur 5,5% de la loĝantaro parolis ĝin. La lingvo daŭre malfortiĝas ĝis nun, kiam oni parolas ĝin preskaŭ nur en la insuloj de la atlantika oceano. Malpli ol 2 % de la skotoj scipovas ĝin.

La estonteco de la lingvo ŝajnas morna. Tamen, esperigaj signoj estas troveblaj. Unue, la brita registaro komencis finance subteni la porgaelan movadon. La monsumoj ne estas grandaj, sed ili starigas precedencon por plua registara helpo. Due, granda intereso pri la lingvo vekiĝas inter la skotoj de la suda parto de la lando, kiuj historie ne parolis ĝin. Lastatempe televida kurso havis grandan sukceson, kaj lernolibroj vendiĝas en granda kvanto. Trie, kaj plej grave, la gaelparolantoj finfine konsciiĝas pri la danĝero por iliaj lingvo kaj kulturo. Oni eldonas pli da libroj gaelaj ol iam antaŭe kaj la nombro ĉiam kreskas. En 1969 fondiĝis nova organizaĵo, "Comunn na Canain Albmmaich" (Societo por la Skota Lingvo), kiu celas la oficialigon de la lingvo, la forigadon de leĝa diskriminacio kaj la starigadon de gaellingva radiostacio. La fondintoj de la movado intence imitis la Societon por la Kimra Lingvo, kiu tiel multe plibonigis la perspektivojn por la kimra, ne nur laŭ celoj, sed ankaŭ laŭ metodoj de agado. CNCA estas ankoraŭ sufiĉe malgranda kaj malforta, sed ĝi aktive varbas membrojn kaj iom post iom kreskas. Ĝi jam lanĉis kampanjon por dulingvaj vojindikiloj kaj faras enketon pri leĝa diskriminacio kontraŭ la gaela lingvo. Ĝi instigas homojn nomi siajn infanojn gaellingve kaj uzi la gaelajn nomojn de urboj sur kovertoj.

La lukto por savi la lingvon ne estos sukcese finita sen grandaj elspezoj de tempo, laboro kaj mono, sed almenaŭ la lukto nun komenciĝis. La jarcentoj de persekutado kaj neglektado finiĝis, kaj estus domaĝe se la lingvo nun mortus, kiam oni komencas peni savi ĝin. Oni diras, ke post la greka kaj la latina, la gaela estas la plej malnova eŭropa skribita lingvo. Estus, do, perdo ne nur por Skotlando, sed por la tuta kontinento, se la lingvo pereus.

++++++++++++++++++++

Ĉu vi jam membriĝis en A.I.D.M.L.K.?

# Tierra Vasca
# EUSKO LUŔA

La monata gazeto TIERRA VASCA / EUSKO LUŔA, t. e. Vaska Tero, aperadas jam ce 18 jaroj en Bonaero, Argentino. Ĝiaj artikoloj estas skribitaj jen en kastilia, jen en eŭskera lingvo. Kompreneble, la ĉefa temo estas la okazantaĵoj el Eŭzkadio, sed oni ankaŭ rigardas aliajn eventojn, ekzemple la ĉilian puĉon kaj la morton de Pablo Neruda.

Konstanta rubrikaro de tiu ĉi vaska gazeto estas la "Letero el Bilbao, Sansebastiano Pamplono ktp.", kie oni raportas pri la plej freŝaj aferoj de la malnova Vaskio. En la oktobra numero aperas ankaŭ artikolo (transprenita el GUDARI) pri la kverelado interne de la por-eŭskeraj batalantoj rilate la unuecigon de la propra lingvo; evidente gravegan rolon - almenaŭ por la reciproka malfortigado - ludas la demando ĉu skribi la literon H aŭ ne. En la sama eldono M. Brantz atentigas pri la komuneco inter junaj kaj maljunaj batalantoj de Eŭzkadio: la interdependigo de vaska sindeterminado kaj integriĝo en Eŭropon. La aŭtoro mencias ankaŭ klopodojn de hispanaj firmaoj, en Katalunio, etendi siajn aktivecojn al la francia Katalunio. Li sugestas ke ankaŭ en la atlantika flanko oni agu simile por ke ĉiuj vaskoj partoprenu en la Eŭropaj Komunumoj

Adreso: TIERRA VASCA / EUSKO LUŔA, Av. Belgrano 1144, Buenos Aires, Argentino. Petu specimenojn!

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

Francesc Vallverdú: EL FET LINGÜÍSTIC COM A FET SOCIAL
Assaig de lingüística institucional

kvazaŭ recenzo

edicions 62 s. a., Barcelono, 1973, 156 p., serio "llibres a l' abast n-ro 108, 150,- pesetoj.

Vallverdú, 38-jara, naskita en Barcelono, diplomiĝis pri juro, laboris kiel advokato nun verkisto, jam publicis plurajn socilingvistikajn studojn, kompreneble, kutime rilate la situacion de sia propra lingvo, la kataluna.

En tiu ĉi libro, la aŭtoro prezentas la larĝan skalon de socilingvistikaj problemoj: Ĉu lingvo havas klasan karakteron? Kiel nomi tiun sciencobranĉon kiu okupiĝas pri la rilatoj inter socio kaj lingvo? Kio estas lingva komunumo? La sektoroj en kiuj aperas diversaj lingvo-nuancoj. La multaj formoj de dulingveco. Dialektoj. Nacia lingvo kaj regionaj lingvoj. Unuecigo de lingvo. Kion signifas lingva normigo? Kiujn influojn havas kontaktolingvoj? Internaciaj lingvoj. Skizo de socilingvistika historio de la kataluna.

Agrable surprizas la detaligo en ĉiuj subpunktoj, ekzemple en la demando pri dulingveco: ĉu temas pri instrumenta aŭ integriga, pri ordigita aŭ ne ordigita, pri simetria aŭ ne, pri ĝenerala aŭ limigita, pri junaĝa aŭ plenkreskula, pri familia aŭ media, pri neŭtrala aŭ konflikta, oficiala aŭ ne, asimila aŭ ne, pri funkcia aŭ literatura dulingveco. - Tre rekomendinda libro.

# "LA PLATDIĈOJ NE ESTAS APARTA ETNO."

La ĉi-sekvaj informoj baziĝas sur intervjuo farita, la 12-an de oktobro 1973, de oktobro 1973, de ETNISMO kun s-ro Hans Dirks, Westerstede, FRG. La intervjuito estas la gvidanto de la laborgrupo pri la platdiĉa lingvo en la administracia distrikto Oldenburgo, Malsupra Saksio. - Terminologie ni elprovas la esprimon "platdiĉa", kiu estas farita en fonetika proksimiĝo al la tiulingva vorto "Plattdeutsch" kaj signifas origine "klara, komprenebla germana", kontraŭe al la jen kaj jen uzata "malaltgermana", kiu ne konvenas pro sia elvoko de malplivaloreco kompare al la "altgermana" en la senco de "literaturgermana", kaj kontraŭe al "basgermana", kies prefikso estas senrajta neologismo, ĉar ĝi estas ekvivalento de "malalta" (laŭ PIV).

En 1954, oni fondis, en la kadro de Spiekerbund oldenburgischer Heimatvereine" (t. e. proksimume: "Konserva Unuiĝo de Oldenburgaj Hejmregionaj Asocioj", instruistan grupon ("Mesterkring"). De 1971 ekzistas ankaŭ oficiala studgrupo formita el platdiĉaj instruistoj, kiuj elektis 17 kantonajn komisiitojn. La distrikta administracio intense subtenas tiun grupon surbaze de la starpunkto ke ĉiu infano havas la rajton utiligi sian gepatran lingvon kaj konatigi al si ties literaturon. Malgraŭ tiu forta subtenado, ne ekzistas ŝtataj instrudirektivoj koncerne la platdiĉan. Tiuj instruistoj, kiuj kompreneble parolas kaj parte ankaŭ mem instruas la platdiĉan, aranĝis jam 30 kunvenojn, en kiuj oni diskutas la problemojn de platdiĉa instruado kaj prezentas kaj prijuĝas ankaŭ modellecionojn. La distrikta administracio okazigas oficialajn studsemajnojn, kies ĝis nun lasta traktis, kun 30 partoprenantoj, dum novembro 1973, la temon "Eblecoj de la platdiĉa instruado en la elementa lernejo". En tiuj seminarioj ĝis nun preskaŭ tute ne aperas gimnaziaj instruistoj. Okaze de tia studsemajno oni ankaŭ jam ĉeestis modellecionon, en la platdiĉa, pri fiziko kaj geografio. Tiuj lecionoj, laŭ la juĝo de Dirks, fiaskis el lingva vidpunkto. Ligita al tiu aspekto estas la fakto, ke tute ne disponeblas scienca literaturo en la platdiĉa. Ja ekzistas diversaj beletraj lernolibroj, precipe por infanoj. Ankoraŭ la platdiĉa ne havas lokon en la pedagogia altlernejo, sed la platdiĉaj instruistoj celas ŝanĝon kaj eĉ ekzamenan valoron de platdiĉaj studoj.

Ĉar kompreneble kaj evidente, la nombro de platdiĉoj (el la 18 milionoj da homoj loĝantaj en la platdiĉa parto de FRG proksimume 5 milionoj uzas ĉiutage la platdiĉan lingvon) malkreskas, diversaj institucioj klopodas ĝin vivteni, ankaŭ en la junularo. Tial, ekzemple, la "Oldenburg-Fondaĵo" aranĝas ĉiujare alterne lego- kaj rakontadokonkursojn por 8- ĝis 19-jaruloj. Simile okazas en aliaj regionoj. La radiostacioj de Bremeno kaj Hamburgo regule elsendas programojn en la platdiĉa kaj pri ĝi, interalie oni elradias selektitaĵojn de tiuj konkursoj de infanoj kaj junuloj. La televido preskaŭ ne okupiĝas pri la platdiĉa.

La celo de ĉiuj ĉi klopodoj estas i. a. forigi certajn sentojn de malplivaloro flanke de la platdiĉoj. Tamen, laŭ Dirks, ne ekzistas kiaj ajn tendencoj konsideri la platdiĉojn aparta etno aŭ eĉ politike dividi ilin de la plimulto de la germanoj.

En la platdiĉa ne troveblas provoj por modernigo, t. e. adaptado de la lingvo al la hodiaŭaj bezonoj. Kaj tiu manko ŝajnas al ni granda danĝero, se oni deziras savi la lingvon tra la jarcentoj.

+ + + + + + + + + + +

Erik v. Hertzen:

# MINORITATOJ EN KVAR REGNOJ

## LA LAPONOJ BATALAS POR SIAJ RAJTOJ

(Rimarkigo: Hazarde ETNISMO ricevis la tekston de la referaĵo, farita, la 8-an de novembro 1972, de s-ro E. v. Hertzen en la Esperanto-Klubo de Helsinko. Kun la permeso eksplicita de la aŭtoro, ni republikigas la tekston, jen kaj jen modifante neesence. Ĉar ni ne disponas senfinan spacon en unu numero, la referaĵo-partoj aperos en du aŭ tri sinsekvaj eldonoj.)

Pro sia politiko koncerne minoritatojn, Suomio estas kutime rigardata kiel bona ekzemplo por aliaj. Sed tio pravas nur rilate la svedan minoritaton, ne rilate la ciganojn kaj laponojn, almenaŭ ĝis antaŭ kelkaj jaroj.

En tiu ĉi referaĵo temas precipe pri la suomiaj laponoj, kvankam ankaŭ la aliŝtataj laponoj estos menciataj. En Norvegio vivas proksimume 20.000 laponoj, en Svedio pli ol 8.000, en Suomio preskaŭ 4.000 kaj en Sovetunio 2.000, do sume temas pri proksimume 34.000 homoj.

La plej granda problemo, por la nuntempaj laponoj, koncernas ilian rajton utiligi teron kaj akvon. Por kompreni la nunan situacion, oni devas iomete rigardi la historion. La laponoj neniam konis la privatan terposedadon. En la origina fiŝkaptista kaj ĉasista lapona socio, ĉiu vilaĝo estis aparta komunumo kaj havis sian difinitan terenon, kiu estis dividita inter la vilaĝaj familioj. Ĉiu familio uzis sian terenon, kiu devis esti sufiĉe granda por vivteni la familianojn per ĉasado kaj fiŝkaptado kaj kutime herediĝis al la anoj de la sama familio, sed la proprieto restis ĉe la komunumo. Se ekzemple iu familio pligrandiĝis ol najbara, la vilaĝa kunveno decidis preni iom da tereno de la malpli granda familio kaj doni ĝin al la pligrandiĝinta, evidente senkompense. La boacaj paŝtejoj estis komunaj por la tuta vilaĝo.

Imperiismo de terkulturistaj regnoj

La skandinava imperiismo kontraŭ la laponoj komenciĝis jam en la naŭa jarcento, kiam la norvega reĝo donis impostadon kaj komercadon en Laponio kiel monopolon al la grandbienuloj de la provinco Haalogaland. - Poste venis norvegaj, svedaj kaj suomaj terkulturistoj kaj ekkoloniigis la laponan teritorion. Ili igis - laŭ la leĝoj de la terkulturistaj regnoj - la novajn kulturejojn sia privata proprieto. Eĉ ili procesis kontraŭ la laponoj, kies boacoj difektis la kulturejojn. Ili uzis ankaŭ pli efikajn rimedojn: Boacoj estis pafitaj, laponoj persekutitaj. La laponoj devis retiriĝi ĝis la plej sterilaj regionoj, kiujn la terkulturistoj ne povis uzi. - La svedaj reĝoj volis, unuflanke, konservi la laponojn kaj fiksis tiucele limon, kiun la terkulturistoj ne rajtis transpasi. La ŝtato impostis la laponojn laŭ tiu ilia teritorio. Aliflanke, la terkulturistoj estis pli profitdonaj impostpagontoj, pro kio oni volis progresigi ilian agadon. Tial oni metis la limon ege norden, kaj baldaŭ ĝi eĉ tute forgesiĝis. La suomaj terkulturistoj sin movis pli kaj pli norden uzurpante laponan landon. Nur malmultaj laponoj ekkulturis teron kaj tiel akiris propran bienon. Dum la 18-a jarcento la laponoj klopodis procese defendi siajn terenojn, sed plej ofte vane. En la jaro 1886 la suoma ŝtato definitive kaptis la laponan landon

deklarante ke ĉiu tereno ne apartenanta al terkulturisto apartenas al la ŝtato. Tiujn terenojn nuntempe mastras la Arbara Administracio (suome: Metseähallitus), kiu tial por la laponoj simbolas koloniismon.

En Rusio okazis same kiel en Suomio. La karelaj terkulturistoj venis, koloniis la teron kaj militekskursis kontraŭ la laponojn, kiuj devis retiriĝi pli kaj pli norden. Laponaj popolrakontoj parolas multe pri la karelaj perfortaĵoj. En la internaj partoj de la Kola duoninsulo, la laponoj vivis relative neĝenate ĝis la fino de la pasinta jarcento, pagante impostojn al la caro kaj subiĝante al la ortodoksa eklezio, sed konservante sian socian organizoformon en 21 laponaj vilaĝoj. Fine de la jarcento tien venis komioj, kies boacbredado havis alian karakteron kaj kaŭzis problemojn por la laponoj. En la sovetunia periodo, la boacistoj kaj fiŝistoj estas organizitaj en grandaj kolĥozoj. La boacbredado estas esplorata science. Unue oni provis bredadon laŭ la komia metodo, sed intertempe oni revenis al la lapona. La loĝantaro de la Kola duoninsulo ege kreskis kaj konsistas nun el proksimume 600.000 homoj loĝantaj plejparte en urboj.

(Daŭrigota.)

==========================================================

## Ĉu vi serĉas materialojn pri la eŭskera kaj kataluna lingvoj kaj la koncernataj regionoj?

1. Petu, sendante 1 irk, katalogeton pri la eŭskera ĉe ETNISMO.
2. Komuniku, sendante 1 irk, viajn specifajn dezirojn koncerne katalunan literaturon ktp. al ETNISMO.
3. Petu, sendante 1 irk, ekzempleron de la germanlingva referaĵo "Katalanisch und Baskisch - die Sprachen zweier ethnischer Minderheiten Spaniens" ĉe ETNISMO.

333333333333333333333333333333333333333333333333333333333333333

## Ĉu vi ankoraŭ ne aliĝis al A. I. D. M. L. K. ?

Se vi atente legis ETNISMO-n, vi scias ke tiu neesperantista asocio modifis sian nomon metante anstataŭ la franca formo la Esperantan: ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ. En ĝi aktivas jam kelkaj esperantistoj, kaj pluraj gvidantoj de A.I.D.M.L.K. favoras la Internacian Lingvon. Petu detalojn ĉe la Ĝenerala Sekretario: s-ro Jordi Costa i Roca, 22 rue Greuze, F-66000 Perpignan, aŭ ĉe ETNISMO.

==========================================================

# ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj

Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Blumenstr. 7, D-511 Alsdorf, tel.: 49-2404-4393
ETNISMO estas dissendata senkotize, sed ..... unu numero (proksimume 150 ekzempleroj) kaŭzas elspezojn de CENT gm. Ĉar ETNISMO aperas ĉiujare tri- aŭ kvarfoje, ĝi kostas pli ol 300,-- gm. Se vi deziras iomete partopreni en la kostoj, bonvolu ĝiri vian sumeton al la persona konto de la eldonanto: poŝtĝirkonto n-ro 23 26 12 - 306 Hannover. Koran dankon al tiuj (malmultaj) kiuj jam pagis.